ESPERANTO BIBLIOTEKO

REDAKCIO: J. GLÜCK, T. JUNG KAJ J. H. J. WILLEMS

No. 13

IVAN ŜIRJAEV

# EN LA VAGONO

KAJ ALIAJ RAKONTOJ




ESPERANTO-ELDONEJO
J. MUUSSES — PURMEREND
(Nederlando)

Ob Esp

MUUSSES
ESPERANTO BIBLIOTEKO
REDAKCIO: J. GLÜCK, T. JUNG KAJ J. H. J. WILLEMS

No. 13

IVAN ŜIRJAEV

# EN LA VAGONO

## KAJ ALIAJ RAKONTOJ



ESPERANTO-ELDONEJO
J. MUUSSES — PURMEREND
(Nederlando)

## PRI LA AŬTORO.

**Ivan Genadieviĉ Ŝirjaev** naskiĝis la 11. IV. 1877 en Veretaja, gubernio Jaroslavl (Ruslando). De post 1904 li estis pastro en vilaĝo Vologda.

Fariĝinte esperantisto jam en 1895, li restis fervora samideano ĝis sia morto, okazinta la 23. X. 1933.

Ŝirjaev multe laboris sur literatura kampo, tradukante kaj verkante originale (ankaŭ sub pseŭdonimo I. Malfeliĉulo). Ne eldonitaj restas, inter aliaj, liaj tradukoj de „Fratoj Karamazov" de Dostojevskij kaj „Milito kaj paco" de L. Tolstoj. Li estas ankaŭ la iniciatinto de la „Enciklopedio de Esperanto" kaj verkinto de „Esperantistaj memortagoj", aperintaj sinsekve dum la tuta jaro 1934 en „Heroldo de Esperanto".

Antaŭ jaroj la subskribinto akiris de li ampleksetan kolekton de originalaĵoj, por eventuala eldonado. El tiuj ni elektis nun por M.E.B. tri diversspecajn rakontojn.

TEO JUNG.

## EN LA VAGONO.

Nokte, dum la vagonaro por mallonga tempo haltis apud ia malgranda stacio, nova pasaĝero eniris nian vagonon. Elektinte ĝuste la saman benkon, sur kiu mi dormis senzorge kaj senĝene, li sidiĝis ĝuste sur mian maldekstran piedon, kie mi delonge havis grandan kalon. Terura doloro tuj vekis min, kaj mi eksaltis de la malmola kuŝejo, preta frakasi makzelon de la nekonata arogulo.

En la vagono estis mallume. La stearinaj kandeloj, kiel kutime, delonge ne estis ordigitaj kaj verŝis tra la malpuraj vitroj de la lanternoj tiom avare sian lumeton, ke mi, post kelkhora dormado, ne tuj vidis la najbaron. Rimarkinte mian ekscitiĝon, li leviĝis de la benko kaj ĝentile petis pardonon pro la maltrankvileco kaŭzita de li.

En tiu sama momento la vagonaro ekmoviĝis pluen, nia vagono tremis pro la subita ekpuŝo, kaj la nekonato kaptis per ambaŭ manoj, por ne fali, la dorson de najbara benko. Lumo de grandaj fenestroj de la stacio hele lumigita okaze falis sur lin kaj glitis tra lia vizaĝo, — tiam mi je unua fojo ekvidis bone la vekinton.

Li estis dikulo nigrahara kun larĝa vizaĝo inteligenta kaj saĝaj okuloj, kiuj rigardis kviete tra nazumo orita. Lia vestaĵo estis senriproĉa, eĉ danda kaj ne tre konvena por pasaĝero triaklasa.

„Mi, ŝajne, maltrankviligis vin?” li ekparolis. „Pardonu! Pro la mallumo, kiu regas ĉi tie, oni povas eĉ disbati sian propran frunton!”

„Ne”, mi mensogis, ĉar la kolero antaŭ-nelonga jam mal-

aperis kaj ĝin anstataŭis subita intereso al la najbaro, „negrandan kalon vere mi havas sur tiu ĉi piedo, tamen tio estas bagatelo. Sidiĝu!”

Mi jam ne volis plu dormi kaj estis kontenta, renkontinte la inteligentan kunvojaĝanton.

„Kia malfeliĉo! Ĉu vi kredas? mi antaŭsentis ĝin...... Mi antaŭsentis, mi estis tute certa pri tio, ke tuj, kiam mi eniros la vagonon, okazos io ........ ia malagrablaĵo, — kaj mi ne eraris. Pro mia ofico mi devas ofte veturadi fervoje kaj, ŝajne, neniam mi veturis tute bonstate ........ ia malbonsorto persekutas min en vagono, kien ajn mi veturas. Dufoje vagonaroj, en kiuj mi veturis, suferis katastrofojn, unufoje dum veturo mi estis arestita erare kaj mi havis kontraŭvolan plezuron forlasi la vagonaron kaj sidi du tagojn en abomena malliberejo de malgranda urbo apudvoja. Delonge jam mi ĉesis kalkuli la ŝtelojn, al kiuj mi submetiĝis dum miaj vojaĝoj, kaj aliajn malagrablaĵojn sennombrajn. Ĉu vi ne kredas?”

„Veturante en dua klaso, mi opinias, vi povus eviti multajn malagrablaĵojn, neeviteblajn en triaklasa vagono”, mi diris.

„Mi dankas pro via kunsento, sed mi jam provis ĉion. Mi provis unufoje eĉ veturi en unuaklasa vagono kaj ........”

„Kaj kia estis la rezultato?”

„Rezultato, mi ripetas al vi, ĉiam estis la sama: preskaŭ en la komenco mem de la vojaĝo oni, kiel mi jam diris, arestis min, trovinte en mia modesta persono similecon kun iu kuraĝega ŝtelisto, kiu dum longa tempo agadis sur tiu fervoja linio ......... Post tiu okazo mi promesis al mi, ke mi veturados nur en tria klaso.”

„Kaj mi vidas nun, ke vi bone plenumas vian promeson.”

„Ne tre! Antaŭ longe, antaŭ dek jaroj proksimume, mi veturis en duaklasa vagono kaj, unu fojon ekĝuinte *tiun*

plezuron, mi plu neniam deziros rompi mian promeson." Li ekbruligis alumeton kaj rigardis sian oran horloĝon.

„Mi nun veturas nur ĝis Skalino, kien la vagonaro venos post unu duonhoro proksimume. Se vi ne kuŝiĝos dormi kaj havos nenion kontraŭ tio, mi volonte rakontos al vi pri tiu ĉi okazintaĵo neforgesebla."

Mi tre interesiĝis kaj volonte konsentis aŭskulti. Li elprenis elegantan cigarujon kaj proponis al mi cigaredon. Kiam ni ekfumis, li almoviĝis pli proksimen al mi, metis sian maldekstran manon sur mian genuon kaj per voĉo pli mallaŭta komencis:

Mi loĝis tiam en vilaĝo kaj kelkajn tagojn antaŭe fianĉiĝis. La fianĉino tiutage devis esti en la urbo, kie ni interkonsentis renkontiĝi, — sekve, mi veturis tiun fojon, kiel ŝercis mia patro, „en miaj familiaj aferoj". La ĉevaloj estis bonegaj; la veturigisto bone sciis, ke la veturanto estas fianĉo kaj senhalte vipinstigis sian ĉevaltrion. Mi estis en bonega humoro, antaŭĝuante renkontiĝon kun la knabino amata, kaj estis malagrable surprizita, kiam mi sciiĝis, ke la vagonaro venos al la stacio nur post sufiĉe longa tempo. En la stacidoma bufedejo feliĉe aŭ malfeliĉe — vi mem poste juĝos tion — mi renkontis mian amikon Valjaev, filon de najbara bienulo. Kvankam ni loĝis proksime unu de la alia kaj renkontiĝadis ofte, tamen montriĝis, ke li ankoraŭ nenion aŭdis pri mia fianĉiĝo. Nature, ni ne povis kontentiĝi nur per vortoj kaj, ĉar Valjaev estis bona spertulo pri vinoj, ni tre bone pasigis la tempon. Kiam restis ankoraŭ kelkaj minutoj antaŭ alveno de l' vagonaro, Valjaev, kiel vera amiko, decidis ne forlasi min „en la danĝero venonta" — kiel li ŝerce nomis la intervidiĝon kun la fianĉino — kaj kunvojaĝi kun mi en la urbon por pasigi tie kelkajn horojn kun mi kaj ankaŭ por prijuĝi mian guston, tio estas por vidi la fianĉinon. Kun tiu

celo li eĉ aĉetis por ni ambaŭ biletojn de dua klaso kaj enmanigis ilin al mi. Kiam la vagonaro jam estis proksime, li ekmemoris, ke lia veturigisto ankoraŭ atendas lin kaj tute nenion scias pri la neatendita decido de sia mastro. Vane mi konsilis al la amiko, ke li forlasu similajn klopodojn kaj simple sciigu la veturigiston telegrafe de iu granda stacio, tiom pli, ke la vagonaro alproksimiĝinta estis rapida kaj havis ĉe nia stacio tre mallongan, ne pli ol unuminutan halton. Konsiderinte logike ĉion ĉi, li povus klare ekvidi, kian riskon li havas; sed vi jam konjektas sendube, ke niaj kapoj estis sufiĉe nebulitaj de la vino kaj ne estis kapablaj multe kaj ĝuste konsideri.

La vagonaro haltis; tuj aŭdiĝis unu post alia tri sonorilbruoj kaj, apenaŭ mi havis tempon surrampi ŝtuparon de vagono, ĝi ekfajfis kaj, kiel frenezulo, ree moviĝis rapidege en malproksimon enigmoplenan.

Neniam antaŭe mi veturis en duaklasa vagono, mi ankaŭ neniam havis okazon vidi ĝian internaĵon; tial, hazarde trafinte en la vagonon kupean, mi estis embarasita. Vi, kredeble, veturis iam en duaklasa vagono kaj havas ideon pri ĝia aranĝo. Laŭlonge de la vagono antaŭ mi estis mallarĝa koridoro, ĉe kies dekstra flanko troviĝis longa vico de fermitaj pordoj kupeaj. Mi premis anson de la plej proksima pordo kaj kuraĝe malfermis ĝin. La granda kupeo estis plena de viroj. Mi volis sidiĝi sur la rando de unu kanapo, sed oni tuj avertis min, ke tie mankas lokoj neokupitaj sed ke la najbara kupeo estas tute malplena. Mi rapidis forlasi la negastaman societon kaj venis en la kupeon aluditan. Dum unu minuto mi staris meze de ĝi hezitante, ĉu resti tie, ĉu serĉi por mi sidlokon ie en alia kupeo. Unu voĉo interna postulis persiste, ke mi restu tie kaj ĝuu izolecon, — la alia, sendube de diablo mem, flustris, ke mi serĉu societon de kunvojaĝantoj. Kion fari? Kiun voĉon obei?

Ne longe pensante, por ne ofendi tiun kaj la alian, mi obeis al ili ambaŭ: dum kelkaj minutoj mi duonkuŝis, ĝenate de neniu, sur mola kanapo, poste mi dece ordigis antaŭ spegulo mian kostumon kaj frizon sufiĉe ĉifitajn dum la vojo, kaj eksopiris.

Se tio ĉi okazus, ekzemple, nun, ĉu mi eksopirus? Neniom! Kontraŭe, mi estus kontentega. Sed tiam ... ĉu diablo min puŝis, ĉu la vino drinkita estis la kaŭzo: tiam mi tute ne povis, ne havis fizikan eblon plu veturi sola. Bone, mi pensas, la vojo ja estas longa; se mi ne trovos oportunecon en alia kupeo, mi ĉiam povos reveni ĉi tien. Kun tia penso kaj intenco mi forlasis la trankvilan kupeon kaj, intence preteririnte kelkajn pordojn proksimajn, kuraĝe mi malfermis la pordon de unu el malpli proksimaj kupeoj.

Apenaŭ mi eniris kaj fermis post mi la pordon, tuj mi ekvidis ...... Ne, mi ekvidis ankoraŭ pli frue, tuj kiam mi malfermis la pordon por eniri ...... Sed ankoraŭ pli frue ol mi povis ion ekvidi, mi sentis ebriigan odoron nekutiman de forta parfumo — tiom fortan kaj agrablan, ke mi tuj havis facilan kapturniĝon kaj ankoraŭ neniam sentitan de mi en tiu grado alfluon de amsento ......

Apud la fenestro, ĝuste kontraŭe de mi, sidis juna virino lukse vestita per silka vestaĵo. Ŝiaj manoj duonnudaj kaj brusto dronis en plej delikataj, maldikaj puntoj, tra kiuj tie kaj tie ĉi brilis, kiel diverskoloraj fajreroj, sennombraj juvelaĵoj. Dika kaj kurba, kiel serpento, duone kunplektita harligo blonda, metita sur la ŝultron, malsuprenfalis en senordaj, groteskaj fasketoj brilantaj, kiel oro, pro sunradioj. Sur ŝia juna kaj beleta vizaĝo ankoraŭ estis disverŝita infana simplanimeco kaj naiveco, kvankam la nigraj okuloj sopiraj estis zorgoplenaj.

Mia apero, ŝajnis, neniom influis al ŝi, ĉar ŝi restis sen-

mova kiel marmora skulptaĵo, al kiu, eble, tiam similis eĉ mi mem, ĉar dum kelka tempo post la fermo de la pordo ankaŭ mi staris senmove, fiksinte al ŝi mian rigardon. La surpriza apudesto de tiom delikata kreitaĵo frapis min kaj forprenis de mi ĉian kapablon de prudentpensado. Kion opinius pri mi tiam Marusja, mia fianĉino? Mi veturas por intervidiĝo kun la ĉarma fianĉino kaj kelkajn horojn antaŭ la intervidiĝo senpermese eniras okupitan kupeon kaj tiel nekonvene fiksas rigardon sur allogan nekonatinon. Por esti sincera, mi devas rimarkigi al vi, ke la ĉarma figuro de l' fianĉino en mia imago paliĝis kaj disbloviĝis, kiel tabakfumo, tuj kiam mi ekvidis la nekonatinon.

„Kien vi veturas?" ŝi komencis subite, kaj delikata rideto nekaptebla glitis tra ŝia vizaĝo rozkolora. „Sidiĝu ...... ĉi tie la lokoj estas neokupitaj. Mi ĝojas, ke vi venis — veturi en tia izoleco estas netolerebla turmento ......"

Kaj ŝi, gracie eksaltinte de la loko, prenis sian makropfelan vojaĝmantelon, kiu okupis preskaŭ la tutan kanapon, sur kiu ŝi sidis, kunvolvis ĝin senorde kaj, ree sidiĝinte, almovis ĝin al si. Mi sidiĝis sur la loko, tiom afable preparita por mi.

Nun ni interŝanĝis la rolojn: nun ŝi fikse rigardis min, kaj mi vagigis la okulojn tra la kupeo, kie senorde estis disĵetitaj ŝiaj objektoj. Alte, preskaŭ ĉe la plafono, pendis ŝia feltĉapelo tiom granda, ke dum somerpluvo sub ĝi facile, ŝajnis al mi, povus sin kaŝi du homoj, kaj tiom strangaforma, ke ĝi sukcese povus servi kiel korniktimigilo; apud spegulo sur malgranda breto kuŝis kunĉifita silka skarpo kremkolora kaj cigarrestaĵo, kaj el sub seĝo, staranta apud la pordo, elrigardis ies viraj feltgaloŝoj, restintaj tie pro ia nekomprenebla mirindaĵo. Mi tiel profundiĝis en detalan ririgardadon de la kupeo, ke sendube nenia bagatelo povus sin kaŝi de mia rigardo, se la najbarino ne rompus la silentadon.

Kiel okazas ordinare dum similaj renkontiĝoj, ni, pli ĝuste ŝi, komencis interparolon pri la vetero, pri tiama frosto; poste ŝi komencis plendi pro laceco, kiu turmentis ŝin dum lastaj tagoj ...... Unuvorte, post nelonge, ni jam babilis kiel malnovaj konatoj. Sin apoginte per la mano je la mantelo, kiu disigis nin, ŝi estis tiel proksime de mi, ke nenia bagatelo de ŝia tualeto povis sin kaŝi de mia rigardo. Ŝi multe ridis, faris graciajn pozojn kaj senĝene petolis per sia belforma piedeto, sur kiu, kvazaŭ ludilo, estis vestita malgranda delikata pantofleto, ornamita per fantaziaj rimenetoj maldikaj, bantetoj kaj alia diablaĵo, per kiu la malforta sekso tiom lerte almilitas nin virojn. Kaj okazis tiel, sendube ne sen helpo de diablo, ke tiu ĉi pantofleto falis de la piedeto. Mi, komprenеble, levis ĝin kaj, antaŭ ol redoni ĝin al la posedantino, iom da tempo tenis ĝin en miaj manoj, pririgardante de ĉiuj flankoj tiun ĉi intimaĵon. Poste mi helpis al ŝi ......

La rakontanto silentiĝis kaj maltrankvile rigardis la poŝhorloĝon.

— Kiel rapide pasas la tempo, dum oni interparolas, li diris. Ŝajne, jam baldaŭ ni estos en Skalino? Mi veturas tien en ofica afero. Mi ne memoras, ĉu mi diris al vi, ke mi estas komisario de la distrikta tribunalo kaj veturas tien en tre grava afero. Jen tie ĉi — li ekfrapis per la mano je eleganta paperujo — estas ĉiuj dokumentoj, ke mi ne forgesu ĝin en la vagono ...... Io simila jam okazis dum mia aventuroriĉa vivo, — kaj li ekridetis.

— Nu, mi rakontis al vi preskaŭ ĉion, li daŭrigis post nelonga paŭzo. Sed kiam mi helpis al la ĉarma najbarino vesti la pantofleton, subite okazis io tre neatendita, neimagebla, kion mi memoras malklare. Subite, kiam mi, genuiĝinte antaŭ la belulino, helpis al ŝi, en nian kupeon eniris ia viro kaj ...... li faris grandan skandalon. Li eksuspektis ke ŝi

perfidis lin! Montriĝis, ke ŝi — mia gaja belulino — estas lia pagamatino! Jen kien enmiksis min diablo!

Multe kriinte kaj sendinte laŭ adreso de ni ambaŭ ne tre afablajn komplimentojn, li foriris kaj malaperis en stacidomo, apud kiu tiam nia vagonaro haltis. Mia stato estis tute plorinda. Mi havis kuraĝon nek venĝi al la ofendinto, nek defendi min mem kaj la virinon ...... kiu post nelonge svenis. Ĉar tiaj okazintaĵoj neniam estis en mia praktiko, mi tute ne sciis, kion mi devos fari al ŝi, per kio helpi kaj, malbenante ĉion en la mondo, mi marŝis tra la malvasta kupeo, senĉese fumante cigaredojn unu post alia. Rekonsciiĝinte, ŝi longe ploris kaj petegis min, ke mi ne forlasu ŝin, tiel ke nur senkorulo farus tion, kion poste faris mi. Ĉirkaŭkaptinte mian kapon, ŝi alpremadis ĝin al sia brusto ...... kisis ...... Ho, pli bone estas ne rememori ĉion! — Kaj mi, ĝuante ŝiajn karesojn, perfide pripensis planon min liberigi de ŝi ......

La pordo ekfrapis, tra la vagono iris konduktoro, kiu anoncis per raŭka voĉo dormema: „Stacio Skalino! Halto kvinminuta!” La rakontanto maltrankviliĝis, ree rigardis la poŝhorloĝon kaj daŭrigis rapideme:

— Mi trompis ŝin, dirante, ke mi estas sola filo de riĉulo kaj veturas ien — mi jam forgesis, kien mi diris — malproksimen kaj neniam forlasos ŝin. Kiam la vagonaro haltis en la urbo, mi eliris el la kupeo, kompreneble, promesinte al la belulino, ke mi tuj revenos al ŝi, mi aĉetos nur iom da fruktoj por ŝi, — kaj plu mi ne revenis al ŝi ......

Li silentiĝis, kaj mi atendis daŭrigon.

„Ĉion mi diris, estimata sinjoro!” li aldonis post nelonge kaj ekfumis.

La vagonaro estis alproksimiĝanta al Skalino. Sur najbaraj benkoj ekmoviĝis la veturantoj, kaj tra la fenestroj sinsekve ekbriletis verdaj lanternoj de relŝanĝiloj.

Li leviĝis kaj, adiaŭe premante mian manon, diris: „Ĉio ĉi okazis antaŭ longe. Mi delonge edziĝis al mia Marusja, kaj estas amata kaj amanta edzo, mi havas gefilojn ...... sed ĉu vi kredas, eĉ ĝis nun mi ne povas forgesi la belan figuron de mia tiama kunvojaĝintino, ŝian allogan eksteraĵon kaj ĉefe tiun pure-infanan konfidon naivan, kiun mi tiel maldelikate, senkore piedpremis. Kion ŝi, tia virino, kiajn ni kutimas stampi per malestimo, pensis pri mi — homo „honesta"? ...... Terure! — Adiaŭ!"

En Skalino en la vagonon venis grandnombre novaj pasaĝeroj, kiuj kun bruo okupis ĉiujn lokojn. Rigardante la novevenintojn, mi subite aŭdis konatan voĉon tra la fenestro. Apud ĝi staris la rakontinto kaj petis, ke mi donu al li la paperujon, kiun li forgesis en la vagono ......

Tiun ĉi fojon la sorto ial ŝanĝis sian kutimon, indulgante lin.

---

## LA MALAMIKO.

En malgranda, antaŭ longe forlasita dometo de pola vilaĝano, kie trovis rifuĝejon la stabo de la N-a regimento, estis sufokaere pro densaj nuboj de tabakfumo. Tra negranda, duone malfermita fenestro rigardis en la ĉambron malluma aŭtuna nokto kaj aŭdiĝis senĉesa, enuiga pluvfrapado. Apud granda tablo, ĵetkovrita per amaso da paperoj, sidis kapitano Zinovjev, nealtkreska sed korpulenta oficiro kun longaj lipharoj kaj akra penetra rigardo de brunaj bonaj okuloj. Li zorge ordigis la paperojn kaj, ne ellasante el la buŝo cigaredon, laŭte insultis per unu fojo en kelkaj lingvoj la abomenindan veteron kaj la militkaptitojn, kiuj tage kaj nokte en longaj senfinaj vicoj sin trenis jam dum kelkaj tagoj el ĉiuj direktoj de nia fronto.

Post unu tre metafora, nunfoje jam ruslingva, insultaĵo de la kapitano, eksonis apud la fenestro ies malrapidaj paŝoj, kaj post iom da tempo en la pordo aperis la figuro de servosoldato.

„Via moŝto, ĉu vi ordonos ilin enkonduki?" li diris, apenaŭ tuŝante per la mano sian tempion. „Oni ĵus alkondukis militkaptitojn — kvin oficirojn."

Anstataŭ respondo, la kapitano laŭte rememoris en pura pola lingvo ĉiujn diablojn kaj ilian parencaron kaj eksvingis per la mano.

La soldato, jam kutiminta al tiom originala formo de ordono, foriris, kaj samtempe post katuna kurteno, pendanta flanke de la tablo, iu ekmoviĝis sur knaranta lito, kaj de tie aŭdiĝis gaja voĉo:

„Sinjoro kapitano, ĉu ree venis militkaptitoj? Kiom ĝoja estas nia vivo! Ĉu ne?”

„Diablo scias ilin!” tiu respondis ĉagrenite. „Mi ne havis tempon por ordigi eĉ duonon de tiuj ĉi paperoj, kaj jam aperas novaj. Kiel vi volas, sinjoro leŭtenanto, sed mi plu ne povas labori hodiaŭ kaj proponas al vi interŝanĝi niajn lokojn.”

„Volonte!” elirante el sia ripozejo respondis juna altkreskulo, kun oficirkruco sur la brusto, antaŭ nelonge rekompencita per rango de leŭtenanto.

La pordo malfermiĝis, kaj kvin figuroj de militkaptitoj unu post la alia malrapide, hezite ekstaris vice preskaŭ apud la pordo mem. Ĉiuj estis ankoraŭ junuloj, escepte de unu larĝvizaĝa. Ĉi tiu, apenaŭ penetrinte en la ĉambron post siaj kolegoj, tuj almetis la manon al la rando de sia ĉapo kaj en tia pozo kelkfoje riverencis per la kapo al la kapitano, al ties kolego, kaj poste, rapidmove depreninte la ĉapon, li ree longe riverencis al ambaŭ oficiroj kune. Liaj kolegoj estis pli sentokaŝaj: ili staris senmove, kuntiriĝinte, metinte la manojn en poŝojn de siaj jakoj kaj klininte malsupren la kapojn kun nebulitaj malpacaj vizaĝoj.

Ordinare por esplordemandi kvin militkaptitojn estis bezonataj ne pli ol dudek-tridek minutoj, ĉar ĉiutage ne sole unu deko da ili estis esplordemandata de la oficiroj, kaj ili kutimis rapide fini ĉiujn similajn oficialaĵojn; sed ĉi-foje ili renkontis unu malhelpon, kiun forigi ne estis facile.

Inter la venintoj estis kvar junaj oficiroj germanaj, sed la kvina — la barbulo larĝvizaĝa — estis hungaro, scianta evidente neniun lingvon krom sia gepatra. Tiun lingvon komprenis nek la kapitano nek la leŭtenanto, kaj tradukisto, scianta ĝin, ne estis proksime. La kapitano tute ne sciis, kion fari, kiel agi kun la hungaro, ĉar tia renkonto okazis la unuan fojon.

Post longa disputado kaj neevitebla insultado de la kapitano oni fine decidis lasi lin flanke kaj unue sin okupi pri la germanoj. Tiuj ĉi estis, kiel kutime, tre sindetenaj en siaj respondoj, ankaŭ estis trovata nenio interesa en iliaj poŝoj, krom ordinare renkontataj en tiaj okazoj leteroj, notlibroj, monujoj kaj iufoje preĝaroj. Ĉiuj trovitaj objektoj estis enskribataj en la protokolon, kune kun respondoj de iliaj posedintoj, kaj metataj sur la tablon apud la amaso de samspecaj objektoj kaj dokumentoj, escepte de preĝaretoj kaj monujoj, kiuj estis redonataj.

Laŭ signo de la kapitano soldatoj forkondukis la kvaron, kaj antaŭ la tablo restis nur la hungaro. Li estis tre konfuzita: liaj piedoj kaj manoj tremetis, larĝe malfermitaj okuloj estis direktitaj al la kapitano, kaj en lia malgaja rigardo estis legebla obeemo al la sorto kaj ankoraŭ io neesprimebla, kio, ŝajne, eĉ malmolan koron povus tuŝi.

„Kion ni faros kun tiu ĉi sinjoro?” fine, post longa paŭzo diris la kapitano. „Ni ne povas irigi lin pluen, ne farinte almenaŭ analizon de liaj poŝoj. Nu — st! ...... Via moŝto hungara, bonvolu montri vian havaĵon!” li daŭrigis ruslingve al la hungaro, geste montrante la poŝojn.

La hungaro ektremis, konjekte kompreninte la ordonon, kaj rapide metis sur la tablon monujon, malplenan ledan cigarujon, kelkajn skribitajn paperfoliojn kaj, almetinte la manon al interna poŝo de la jako, laŭte ekploris. Li ploris kiel infano, de kiu oni deprenas amatan ludilon, kaj flustris ion en sia lingvo nekomprenebla.

La kapitano geste ordonis montri la kaŝitan objekton.

La hungaro malfermis la poŝon kaj malrapide elprenis de tie negrandan koverton. Longe kun amo li rigardis ĝin, almetadis ĝin al la koro kaj kisis ĝin kvazaŭ ian sanktaĵon. Ambaŭ oficiroj kortuŝite silentis kaj ne malhelpis al li. Fine,

per la manoj tremantaj li malgaje etendis ĝin al la kapitano kaj daŭrigis ion klarigi, ilustrante sian parolon per gestoj.

La kapitano prenis la koverton kaj, esplorinte ĝin, elprenis el ĝi makulitan leterpaperon, sur kiu estis skribita io per infana skribmaniero. Profunde ekspirinte, li tuj formetis ĝin flanken, kompreninte la sekreton.

La hungaro, ne perdante la esperon ion komprenigi al la oficiroj, daŭrigis plorante paroli. Subite la leŭtenanto, silente sidinta dum tiu ĉi sceno, ektremis, kaj liaj okuloj ekbrilis ĝoje: en la nekomprenebla parolado de la hungaro li aŭdis unu, nur unu vorton konatan, kaj ĝi estis, se la leŭtenanto ne eraris, „Esperanto".

„Es-pe-ran-to?" li demandis la hungaron, fikse rigardante lin. „Ĉu vi estas esperantisto?"

La vizaĝo de la barbulo sereniĝis, kaj sur la lipoj aperis milda rideto, en la okuloj — ĝojo.

„Jes, jes!" li fervore ekparolis en Esperanto, kaj daŭrigis ne rapidante kaj penege pripensante ĉiun vorton: „Ŝi ...... mia etulino ok-jara ĝin sendis al mi antaŭ du jaroj, sinjoro oficiro!"

„Sinjoro kapitano!" ekkriis tiam la leŭtenanto. „Mi, fine, trovis rimedon interparoli kun li ...... vere! Tiu ĉi letero estis sendita de lia filineto ......"

„Mi same pensis pri ĝi!" malgaje respondis la kapitano. „Kial vi ne diris al mi pli frue, ke vi posedas la lingvon hungaran?"

„Estu, sinjoro kapitano, pacienca! Poste mi ĉion klarigos, kaj nun aŭskultu — mi tradukos al vi ĉiun lian vorton."

„Sidigu lin, sinjoro leŭtenanto! Li jam laciĝis starante tiom longan tempon."

La hungaro, jam ĉesinte plori, hezitis sidiĝi en ĉeesto de la rusaj oficiroj, kaj nur post ordono de la kapitano li sidiĝis sur randon de seĝo.

„Mi komencos per tiu ĉi letero", diris la leŭtenanto, prenante la leteron. „Nun montriĝis, ke mi estas kapabla traduki al vi eĉ tiun ĉi dokumenton."

„Kaj ĉi tiujn?" — La kapitano montris la paperfoliojn sur la tablo.

„Atendu, sinjoro kapitano, mi petas ...... Volu aŭskulti, kion skribas ĉi tiu knabino!"

„La 29-an de decembro 1914. —Kara paĉjo! Por skribi al vi, mi unuafoje uzas la ŝatatan de vi lingvon — Esperanton. Panjo nia nun ankaŭ studas ĝin. Veturu al ni plej baldaŭ! Matene kaj vespere mi preĝas ĉiutage por vi kaj petas Sanktan Nikolaon, ke li konservu por ni vin, nian bonan paĉjon. Mi memoras, kiel vi instruis min pri efiko de infana preĝo, kaj kredas, ke pro miaj preĝoj nenia kuglo malamika malutilos vin. Dum la ĵus pasinta Kristnasko ne estis ĝoje sen vi. Panjo ofte ploras. Estas sufiĉe nur ekparoli pri vi — kaj sur ŝiaj vangoj jam aperas larmoj. Viajn oftajn leterojn panjo legas laŭte por ĉiuj, kaj ni zorgeme konservas ilin en mia skatoleto, kiun vi donacis al mi, kiam vi revenis el Budapest. Ĝi nun staras sur via skribotablo apud via bildo. Oni diras, ke la milito baldaŭ finiĝos. Kiel mi estos ĝoja revidi vin! Mi lernas brodi, kaj ĝis la tago de via reveno mi finos brodaĵon sur via kanapa kuseno. La bovino de la najbaro Kajetano Rajczy naskis antaŭ unu semajno beletan blankan bovidinon kun malgranda nigra makuleto sur la frunto. Mi ĝin vidis hieraŭ kaj nomis ĝin „Blankulino". Sinjorino Rajczy en printempo donacos ĝin al mi, ĉar vintre la bovidino pro malvarmo ne povas ja promeni kun mi sur la herbejo apud nia bela rivereto Seper, kiel mi tion deziras. Mi envias tiun ĉi paperfolion, ke ĝi estos karesata de viaj manoj. Se, anstataŭ ĝi, vi karesus mian kapeton! Adiaŭ, mia kara paĉjo! Estu sana! Via „etulino" Károlyné kisas vin sennombre kaj senpacience atendas vian revenon."

„Ĉu vi finis, sinjoro leŭtenanto? Demandu lin, kiun aĝon havas lia etulino?” demandis la kapitano, enpense kliniĝinte per la tuta korpo super la tablo.

„Nun ŝi estas dek-jara, se ŝi estas vivanta, sinjoro kapitano. Post tiu ĉi letero li nenion ricevis de ŝi. Lia edzino dufoje skribis pri malsano de la knabino, la lasta sciigo pri tio estis ricevita antaŭ pli ol duonjaro. Post tio neniu sciigo venis al li malgraŭ liaj oftaj leterpetoj. Li timas, ke la knabino mortis antaŭ longe, kaj ke la edzino ankaŭ ne havis fortojn suferi ŝian perdon kaj lian longan foreston. Tiun ĉi leteron li konservas kiel sanktaĵon, ĉiutage kelkfoje relegas la amplenajn liniojn kaj kovras ilin per varmaj kisoj kaj larmgutoj …… Rigardu, sinjoro kapitano, jen estas postsignoj de tiuj kisoj kaj larmoj!”

Sed la kapitano ne ekrigardis la leteron. Li nur ankoraŭ pli malsupren mallevis sian kapon.

„Sinjoro leŭtenanto!” li diris post longa silento. „Ĉu li — nu, jen tiu ĉi sinjoro malfeliĉa — ĉu li fumas? Demandu lin! …… Kiel? Dum tri tagoj li ne fumis?”

La kapitano senvorte etendis al la militkaptito sian cigarujon kaj poste nerapide plenigis lian malplenan cigarujon per siaj cigaredoj.

„Diru al li, mi vin petas, sinjoro leŭtenanto, ke ankaŭ mi restigis hejme mian solan filon Kolka, kiel mi ame lin nomas …… Nikolaon …… bonan fileton, samaĝan kun lia knabino; li nun ankaŭ estas malsana —”, la kapitano daŭrigis per voĉo tremanta kaj per rapida movo de la mano forigis larmon aperintan sur lia vango. „Ĉu li mortos? Se nur oni vidus, kia rimarkinda infano li estas! Kaj kiel li amas min! …… Mi memoras: li estis tiam ankoraŭ tre malgranda — kaj estis malsana. Li kuŝas en la lulilo, ploras, movas siajn etajn manetojn kaj al neniu, krom mi, volas iri en

la brakojn. Mi prenas lin, li forte alpremiĝas konfideme per la kapeto al mia brusto kaj eksilentas ......”

La hungaro atente rigardas la emociojn de la kapitano kaj volone aŭskultas la tradukon de liaj kortuŝaj rememoroj, kiuj nevole transportas lin en la malproksiman Hungarujon.

„Mia Károlyné”, la leŭtenanto tradukas unu post la alia liajn vortojn, „ĉiam estis kun mi. Kara knabino! Por vidi ŝin nun, mi ĉion fordonus — eĉ la vivon! Kiam mi estis sidanta vespere apud la skribotablo, ŝi ĉiam sidiĝis apud mi kun sia amata pupo; — kiam mi estis laboranta en la florĝardeno, ŝi ankaŭ sekvis min kaj ne ĉesante ampepis serioze pri siaj aferoj infanaj, plendis pri la pluŝa urso, ofendinta ŝian novedonacitan pupon, aŭ rakontis ......”

„Ha!” la kapitano interrompas. „Mia Kolka ankaŭ posedas tian beston kaj multe ĝin amas! Ili estas nedisigeblaj amikoj, ili eĉ ofte dormas kune. — Volu demandi lin, sinjoro leŭtenanto, ĉu li volas manĝi! ...... Kiel? Kion vi diras? Nenion li manĝis de la mateno mem? Dio mia, li ja estas malsata! Aleksandro, Aleksandro!” li tondravoĉe vokis la servosoldaton. „Kion ni havas por manĝi? Portu ĉi tien tuj, plej rapide — panon, buteron ...... ŝajne, ovojn ni havis ankoraŭ? Portu ĉion, ĉion kion ni havas!”

La vizaĝo de la barbulo brilis pro feliĉo, kaj en la okuloj lumis nefalsa dankemo kaj amo. Rapide li formanĝis ovojn, buteron, kolbasojn, tiom neatendite aperintajn antaŭ li.

„Manĝu, manĝu!” murmuris la kapitano, almetante al li ankoraŭ teleron kun restaĵo de koko rostita. „Bonvolu diri al li, sinjoro leŭtenanto, ke li pasigos la reston de la nokto ĉi tie — sur mia ...... nia lito. Mi dormos iom poste!” li aldonis ĉagrenite, ĵetinte sian rigardon en la antaŭĉambron, kie apud la pordo, kiel antaŭ nelonge, staris vico da nove venintaj militkaptitoj germanaj. Ili staris silente kun ĉapoj

metitaj ĝis la okuloj kaj kaŝe ĵetadis siajn rigardojn en la flankon de l' oficiroj kaj de la feliĉa barbulo.

„Mi redonas al vi ĉi tiun leteron — volu traduki al li, sinjoro leŭtenanto," diris la kapitano, leviĝinte renkonte al la jam satiĝinta hungaro, kiu staris antaŭ li kaj per gestoj kortuŝe dankis la bonulojn. „Konservu ĝin! Mi same vivas nur per la rememoroj pri mia filo; estas nur domaĝe, ke mi ne posedas ion similan de mia fileto ...... Nun dormu!"

La militkaptito reprenis la leteron kaj kovris per varma kiso la manon, kiu redonis ĝin. Kaj la kapitano, tute ne atendinte tian delikatecon, responde je tio instinkte kliniĝis super tiu, kiu antaŭ nelonge estis ankoraŭ lia malamiko, prenis per ambaŭ manoj lian kapon kaj kisis ĝin. Post unu momento, konsiderinte ke lia sentimentaleco en ĉeesto de la germanoj tute ne konvenas, li intence per voĉo estreca laŭte ekkriis al ili en ilia lingvo:

„Kiuj vi estas? Ĉu kaptitoj?" — kaj, piedfrapinte la plankon, li kriis minace, ankoraŭ pli laŭte: „Kie vi estas? Ĉu vi forgesis, ke antaŭ rusa oficiro vi kuraĝas stari en viaj ĉapaĉoj? — For la ĉapojn!"

Dum daŭris tiu ĉi monologo, la hungaro jam kuŝis sur la milita lito de la kapitano, kaj la leŭtenanto skribis rusan tradukon de liaj lastaj paroloj. Per rapidema, tamen bela kaj legebla skribmaniero li skribis: „...... vian bonecon kaj amon, sinjoroj rusaj oficiroj, mi neniam forgesos. Benu vin Dio kaj konservu vian vivon!"

„Via nomo, aĝo? ...... via regimento?" la kapitano demandadis la militkaptitojn. „Ne kriu! Pli mallaŭte!" li aldonis, montrante per la mano la katunan kurtenon, post kiu dormis la barbulo-hungaro kaj, eble, jam sonĝis pri sia etulino.

---

## TRA LA LOKO SORĈITA.

(Rakonto de pastro).

Foje noktmeze mi ĵus finis artikolon delonge promesitan al iu ĵurnalo, kies kunlaboranto mi estis. Rektiĝinte en la apogseĝo, mi, kun sento de interna kontentiĝo, ekfumis cigaredon kaj enpensiĝis. Ĉirkaŭe regis muta silento; nur ie sub la planko bruetis muso, kaj pluvgutoj frapadis de tempo al tempo sur la fera tegmento. Dormo persiste logis min en siajn brakojn.

Subite laŭta, trudema frapado sur la enirpordo tremigis min. En vilaĝo Kuvŝinovo okazis krimo: bubo juna, antaŭ nelonge edzigita, pro koleremo vundis sian patron per hakilo. La vundito pro granda sangoperdo svenis, kaj nun, malgraŭ horo malfrua, oni invitis min por komunii lin. Rapide vestiĝinte kaj preninte necesajn objektojn, mi post unu-du minutoj jam sidis en glitveturilo.

Dum frua printempo la nokto estis varma kaj luma, kvankam duono de la ĉielo estis kovrita de nubo, el kiu falis nur maloftaj kaj malgrandaj pluvgutoj. Mia veturigisto — Jakov Petrov, unu el la plej malriĉaj loĝantoj de la vilaĝo —, kunfleksiĝinte iel nehome en la antaŭa parto de l' glitveturilo, ekfajfis akrasone, kaj lia malgranda, malgrasa ĉevalaĉo vigle ekkuris.

Kuvŝinovo estis la plej malproksima vilaĝo en mia paroĥo, kuŝanta je ses verstoj de la preĝejo. Antaŭ nelonge ricevinte tiun ĉi paroĥon, mi vizitis la vilaĝon ne pli ol kvarfoje kaj konis bone nur du-tri ĝiajn loĝantojn, en kies nombro estis ankaŭ la veturigisto.

En la komenco de la vojaĝo mi eksciis de la veturigisto pri detaloj de la okazintaĵo kaj, mi konfesas, malvarmo ne unufoje kuris tra miaj membroj.

La ĉevalaĉo kuris ne longe. Baldaŭ la vojon baris sennombraj kavoj kaj riveretoj, ofte neĝo malkompaktiĝinta ne povis elteni la pezon de l' besto, kaj ĝi trafaladis profunde jen per unu, jen per la alia piedo. Fajfado, krioj, eĉ vipobatoj helpis malbone, — nia glitveturilo apenaŭ moviĝis antaŭen. La tempo malfrua, laceco kaj enuo, inspirita de la veturado malrapida, venkis min, kaj mi ekdormis.

Ĉu longe mi dormis, mi ne scias. Kiam mi levis la kapon kaj malfermis miajn okulojn, mi longe ne povis konjekti, kie mi estas. Super mia kapo tra maldensa nebulo briletis malklaraj steletoj, malsupre je ambaŭ flankoj de mi estis vidataj senordaj vicoj de nigraj arbetaĵoj, ĉirkaŭitaj de nigra akvo, kaj post ili ie malproksime kuŝis neĝamasoj, kiel fantaziaj vestaĵoj de fantomoj.

Rigardinte pli atente, mi rimarkis kun miro, ke la ĉevalaĉo laca staras senmove en akvo ĝis la genuoj. La veturigisto forestis. Nenie estis ia signo de la vojo.

Mia stato estis neenviinda: sen la veturigisto mi ne povis ien direkti la ĉevalon; ĉar, tute ne konante la lokon, mi povus facile trafi en ian marĉon aŭ profundaĵon kaj pereigi la beston. Forlasi la glitveturilon kaj daŭrigi la vojaĝon piede mi ankaŭ ne povis. Kion fari?

Singarde rektiĝinte, mi ĉirkaŭrigardis, esperante revidi la malaperinton; sed kien ajn mi rigardis, ĉie mi vidis nur nigran akvon kaj nigrajn siluetojn de arboj. Pro ĉagreno mi ekvipis la ĉevalon; ĝi ektremis, svingis la kapon. Vipite duafoje, ĝi ekbatis kolere la akvon per piedo kaj ŝprucigis sur mian vizaĝon fontanon da akvo malvarma. Mi forĵetis la vipon kaj laŭte ekkriis:

„Jakov! Kie vi estas? He-e!"

Eĥo, kiel tondro, sonis super la akva ebenaĵo. De proksima arbo leviĝis ia granda birdo maltrankviligita kaj, malfacile svingante per siaj flugiloj, farinte rondon en la aero, malrapide malaperis en la nebulo densiĝinta. Kaj ree regis silento. Supozante, ke la veturigisto foriris por trovi la vojon, mi, pli bone kovriĝinte per fela sutano, decidis pacience atendi lian revenon. Kompreneble, li ne povis malaperi senpostsigne. Mi atendis nelonge. Baldaŭ aŭdiĝis akvoplaŭdado kaj el post arbetaĵoj aperis la silenta figuro de Jakov. Li estis tute malseka. Sidiĝinte sur randon de la glitveturilo, li nerapidante formetis siajn botojn tute trankvile, kvazaŭ ĝi estus lia plej ordinara afero, renversis ilin kaj elverŝis la akvon.

„Ni perdis la vojon!" li diris kun mieno malkontenta. „Mi serĉis, serĉis la vojon — ne trovis. Apenaŭ kun Dia helpo mi retrovis vin. Mi pensis jam, ke mi mortos tie en marĉo. La loko estas tute nekonata. Certe ni trafis la lokon malbonfaman. Nun ni restos ĝis la mateno: ĉe matenlumo ni difinos la lokon kaj trovos la vojon."

Lia trankvileco indignigis min.

„Kiel? Ni restos tie ĉi malsekaj ĝis la mateno? Ni povas malvarmumi! Kaj nia vundito? Li mortos nekomuniita!"

„Kiel vi volas, patro! Sed sciu, ke — tute egale — ĝis la mateno ni ne trovos la vojon. Ni estas en la loko sorĉita ......"

„Kion vi babilas? Kia loko sorĉita? Ĉu vi freneziĝis? Instigu la ĉevalon!"

Jakov skeptike balancis la kapon, ekvipis la ĉevalon kaj ree kunfleksiĝis, kiel erinaco. Sub la batoj de l' vipo la ĉevalaĉo ekiris apenaŭ movante la piedojn. Akvoŝprucoj, kiel pluvo somera, falis sur nin. La glitveturilo jen flue naĝis sur supraĵo de la akva ebenaĵo, jen, tuŝinte ŝtipon, haltis kaj, kliniĝante flanken, minacis elĵeti nin en la akvon.

Ni veturis longe kaj hazarde, nur fidante al la instinkto de la besto. Nudaj brančoj de arbetaĵoj senkompate vipis niajn manojn kaj vizaĝojn. Jakov senmove sidis sur sia loko kaj obstine silentis, de tempo al tempo formetante sian ĉapon kaj farante krucosignojn.

„Dio nin gardu!" li diris post longa silento. „Ĉu vi, patro, aŭdas? Ŝajne iu krias. Oni diras, ke ĉiunokte ŝi krias ...... Mi timas ......"

„Kiu *ŝi*?" mi demandis kun skeptika rideto sur la lipoj.

„Nek la loko, nek la tempo, kara patro, permesas rakonton similan. En tiu loko vagas ŝi — animo ŝia neniam trankvila. Se iu, ekzemple, nun ni, venas nokte, ŝi timigas tiun per siaj ĝemoj kaj krioj ĝis la mateno ...... Iufoje ŝi penas eĉ pereigi vaganton en ŝlimejo aŭ marĉo senfunda ...... Nur preĝo kaj — Jen ree la krio!"

„Mi nenion aŭdas. Hontu, vi estas ne knabo malgranda!"

„Vi, patro, ne longe vivas ĉe ni, do vi ne scias. Dio nin gardu!" li diris rapide kaj, ree farinte krucosignon, kriis en la nokton:

„Trankviliĝu! — Ni estas homoj ...... diaj!"

„Kredeble ie krias noktobirdo, kaj vi jam estas preta kredi superstiĉe al fabeloj virinaj pri iaj animoj vagantaj."

„Vi scias nenion ...... Tamen, kiel laŭte ŝi krias! Kredeble nun eĉ vi aŭdas, patro?"

Efektive, ia sono neordinara atingis mian orelon. Ŝajnis, ke jen iu pereas kaj petegas pri helpo, — jen iu, simile al ni, perdinte vojon, krias, esperante trovi proksime lokon loĝatan. Nekutimaj impresoj, travivitaj dum la vojo, mistera humoro de la veturigisto kaj nokta tempo kreis ian fantazian elementon. Baldaŭ la krio ripetiĝis ie proksime antaŭ ni kaj post nelonge ree ripetiĝis kun nova forto jam flanke de ni. Ŝajnis, ke efektive ia malbona animo flugas supre jen tien, jen aliloken

por timigi nin. La krio sonis ĉiam pli ofte kaj pli laŭte. Nun jam estis klare, ke krias homo, kvankam liaj vortoj estis nekompreneblaj. La veturigisto tremis pro timo, kiel tremolfolio dum vento, kaj kriis: „Ni estas diaj! Trankviliĝu! Ni estas homoj diaj!"

Iom post iom timo penetris eĉ en mian koron, kaj stranga antaŭsento de proksima danĝero kunforĝis miajn membrojn. Vane mi penis trankviliĝi, vane mi fikse rigardis: pro densiĝinta nebulo ĉio prezentis unu nepenetreblan grizan makulon. Havante nek pafilon, nek eĉ bastonon, mi pugnigis la manojn por renkonti malamikon ne sendefende.

Ĝuste tiumomente en kelkpaŝa distanco ripetiĝis la krio kaj ekaŭdiĝis eĉ ies paŝoj sur la glaciiĝinta neĝo. Teruro kripligis la vizaĝon, la manoj instinkte malpugniĝis, kaj ankaŭ mi ekkriis tutforte:

„Ni estas diaj! Ni estas homoj diaj!"

Samtempe la ĉevalo haltis, kaj antaŭ mi subite aperis iu. Liaj vizaĝo kaj korpo estis kaŝitaj en la nebulo; nur manoj, longe etenditaj super nia glitveturilo, ŝajne, petegis pri io.

„For! Mi mortigos vin!" kriis la veturigisto.

„Malaperu! Ni estas diaj!" mi ripetadis furioze la vortojn de la veturigisto.

Kiom da tempo tio daŭris, mi ne scias; same mi ne scias, kio okazus, se mi havus ian armilon.

„Patro Johano! Ĉu estas vi? ...... Ne timu! Ĉu vi ne rekonas min? Mi estas via konato — ekspoŝtisto Vasilij Sergeiĉ el Arĥangel ......"

Kvazaŭ granda monto falis de miaj ŝultroj, kiam mi aŭdis lian parolon bone konatan. Sur la vizaĝo aperis varma ŝvito, kaj ia nekomprenebla, nefalsa ĝojo anstataŭis la teruron antaŭnelongan.

La veturigisto ne tuj trankviliĝis. Li longatempe esploris

la renkontiton per ambaŭ manoj kaj ne pli frue permesis al li sidiĝi en la glitveturilon, ol dirinte antaŭ lia vizaĝo mem la preĝon por forpeli la diablon kaj trifoje farinte krucosignon super li.

La renkontito, simile al ni, perdis la vojon. Longan tempon vagante tra la marĉoj senfinaj, li malsekiĝis kiel spongo kaj tremis pro malvarmo. Feliĉe, post nelonge la ĉevalo trovis ian vojon, kiu baldaŭ kondukis nin al Kuvŝinovo. La vunditon mi trovis ankoraŭ en konscio kaj komuniis lin.

Gastama Jakov liveris al ni sekajn vestojn kaj plifortigis nin per varmega teo kaj brando. Lia malgranda varma domaĉo, kun karbiĝintaj muroj kaj plafono, post nia longa vagado meze de la malvarmo kaj malseko, ŝajnis al ni vera paradizo. Drinkinte po tri-kvar glasetoj, ni varmiĝis, forgesis antaŭnelongan timon kaj gaje interparolis. Ankaŭ Vasilij Sergeiĉ nenion sciis pri la malbona reputacio de la loko ĵus vizitita, kaj la mastro volonte rakontis al ni pri ĝi:

— Antaŭ longe, dum la epoko de servuto, en la najbara vilaĝo estis bieno de severa grafo Zmiev. Li estis fama pro sia krueleco kaj senkoreco. En la sama vilaĝo loĝis fraŭlino Zoja — knabino neordinare bela. Ŝi havis fianĉon — samvilaĝan forĝiston, kiu amis ŝin ĝis sinforgeso. Iliaj gepatroj estis kontentaj pri la elekto de siaj gefiloj kaj nur atendis senpacience la aŭtunon, por ke, fininte la kamplaborojn, oni povu aranĝi la edziĝofeston. Venis, fine, la dezirata aŭtuno. Oni finis ĉiujn vilaĝajn laborojn kaj ekripozis post longa senĉesa laborado.

Laŭ la kutimo, ekzistinta en tiu kruela tempo, la gefianĉoj devis antaŭ la edziĝo viziti sian sinjoron, peti lian konsenton por estonta edziĝofesto kaj prezenti al li donacojn. Kun koroj timpremitaj, malkuraĝe ekiris la gefianĉoj al la domo de la grafo. Sur lia korto staris kelkaj veturiloj de najbaraj bien-

havantoj — sinjoroj eminentaj, amasiĝis geservantoj kaj el la fenestroj de la domo sonis gaja kantado kaj muzikado. La grafo baldaŭ sciiĝis, ke venis al li la gejunuloj kaj ordonis tuj venigi ilin.

Unuavide la beleco de Zoja forlogis la grafon, kaj ŝia sorto estis decidita senrevene. Kolere sulkiginte la brovojn, la grafo ekkriis kontraŭ la senkulpa forĝisto, kaj aro da servantoj kun moko kaj laŭta fajfado forpelis lin de la korto. La knabino, decide rifuzinte partopreni en la orgioj de la sinjoro kaj de lia ebria gastaro, post longa senfrukta admonado estis vergata kaj dum la proksima nokto senhonorigata de ili.

Oni enŝlosis la mizerulinon en malvasta ĉambro kaj tute nudigis ŝin, por ke ŝi ne forkuru. Tamen ŝi decidis forkuri hejmen al sia amato. Trovinte ie longan ŝnuron, ŝi, tute nuda, nokte malsupreniĝis tra fenestro. Malfeliĉe, ŝia forkuro estis baldaŭ rimarkita. Granda amaso da servantoj sinjoraj kun hundaro estis sendata ĉiudirekten por trovi kaj revenigi Zoja'n. En densa marĉa arbetaro oni atingis ŝin. La korŝira krio, petanta kompaton, miksiĝis kun hunda bojado kaj malmodesta insultado de l' malĉasta popolamaso. Lastmomente, kiam ŝajnis, ke estas nenia espero pri ies helpo aŭ defendo, kiam la furiozaj hundoj estis pretaj sin ĵeti al la nudulino por disŝiri ŝin, de ie subite aperis la fianĉo. Kelkaj karesemaj vortoj, mallaŭte elparolitaj al ŝi, sukcesis tuj trankviligi ŝin kaj, pli frue ol la hundoj ekkaptis ŝin, li baris ŝin per sia figuro fortega. Poste li enbrakigis ŝin kaj laŭte ekkriis: „Trankviliĝu! ...... Ni estas diaj!"

En la sama momento la dentoj de l' hundoj eniĝis en la korpojn de l' gefianĉoj. La grafo, informita pri la okazintaĵo, venis mem por rigardi la mortintojn. Li volis liberigi la korpon de la knabino el la brakoj de la amato, sed ĉiuj penoj estis vanaj: iliaj manoj, kvazaŭ feraj, estis nedisigeblaj.

Longan tempon iliaj korpoj kuŝis tie ne-enterigitaj, ĝis kiam iu piulo entombigis ilin en la sama loko.

De tiam — finis la rakontanto — ĝis nun ŝia animo vagas ĉiunokte tra la arbaroj kaj marĉoj apudaj. Ŝiaj ĝemoj kaj krioj aŭdiĝas senĉese, jen petante preĝon, jen minacante venĝon. Estas malfeliĉa tiu homo, kiun ŝi renkontas sur sia vojo: ĝis la tagiĝo li ne trovas la vojon perditan, se li ne pereas pli frue en iu marĉo.

Nur, memore pri la amato, ŝi indulgas, kiam oni ripetas liajn lastajn vortojn:

„Trankviliĝu! ...... Ni estas diaj!"

---

## ENHAVO DE LA BIBLIOTEKO.



Tuta serio de dek volumetoj kostas en abono 2.50 ned. guldenojn. Unuopa numero kostas 0.35 guld. aŭ 3 internaciajn respondkuponojn


ESPERANTO-ELDONEJO J. MUUSSES
PURMEREND (Nederlando)